XIVᵃ jaro. Nᵒ 199 (3) ☆ Monata ☆ 5 marto 1917

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ᵃ de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## BATALO KAJ PROGRESO

La greka filozofo Heraklito jam diris, ke „milito estas la patro de ĉiuj aĵoj“, kaj de tiu tempo la teorio de l' riĉigo de la nacia vivo per milito multmaniere anonciĝis.

Aliflanke Karl Marx starigis la doktrinon, ke „la mondhistorio prezentas vicon da klasbataloj“, kaj Werner Sombarth plivastigis la tezon, dirante, ke ĉiu historia ŝanĝo kaj progreso devenas unuparte de batalo inter klasoj, aliparte de batalo inter popoloj, de la „batalo por akiro de nutraĵ-parto“ kaj de „nutraĵ-loko“. Laŭ maniero ankoraŭ pli ĝenerala, kelkaj el la sektanoj de Darwin starigis la opinion, ke la batalo por la vivo estas la plej grava levilo de ĉiu ajn organa progreso, kaj Nietzsche uzis tiun sciencan opinion por la starigo de filozofio de senkompato. Por trovi la vojon al la vero preter tiuj ŝajne nedisputeblaj sciencaj dogmoj kaj blindigaj signalvortoj, oni devas bone klarigi al si la esprimon „batalo“. Nome tiu ĉi esprimo havas diversajn signifojn, kaj ilia konscia aŭ nekonscia konfuzigo ebligis al tiuj adeptoj de la militglorado ŝajne logike, akordigi iliajn pereigajn alvokojn kun iuj certaj asertoj de la natur- kaj socialscienco.

*Estas ĝuste,* ke la moderna naturscienco trovis la plej gravan levilon de la iom-post-ioma suprenevoluo de la organismoj en la alkonformiĝo de la estaĵoj al la kondiĉoj de ilia ekzisto, en la persistemo de la plej alkonformigitaj kaj heredigo de iliaj proprecoj, dum kontraŭe la pli malbone alkonformigitaj specoj iom post iom pereas. Sed estas *malĝuste,* ke tiu ĉi batalo por la vivo estas plenumata inter tiuj diversaj specoj kun reciproka detru-volo.

Por la kreskaĵa regno tio ne bezonas pruvon, tial ke kreskaĵoj ne kapablas konscie interbatali. Kaj se en la besta regno iu speco de kreskaĵmanĝantoj per „mimikri“ (samkoloreco kiel la ĉirkaŭaĵo) sin pli bone protektas kontraŭ la atako de rabbestoj, kaj tiujn ĉi fine forpuŝas, ne okazis ia speco de batalo inter la du kreskaĵmanĝantoj; sed rilate al triaj, unu speco estis pli perfekte organizita ol la alia. Aŭ se inter ĉiuj specoj de simioj kaj de mambestoj unu, la homo, batalante por la vivo, konkeris la mondon, tio tute ne dependis de konscia batalo de l' homo kun aliaj specoj de simioj; nek ankaŭ la persisto de la domkato de konscia batalo de ĝi kun la aliaj katspecoj, la leonoj kaj tigroj. Ĉar ankaŭ la rabbestoj evitas formanĝi la karnon de parencaj bestoj, same katoj nur malofte persekutas katojn, aŭ simioj simiojn, kaj sekve mankas ĉiu efektiva kaŭzo por konscia batalo inter ili.

La batalo por la vivo de la domkato kun la leono decidiĝis favore al la unua pro tio, ke dank' al specialaj proprecoj, ĝi povis alkutimiĝi al certa medio, tiu de l' homo, kaj tie plimultiĝi, dum tiaj proprecoj al la leono mankis. La homo mem persistis, tial ke dank' al la eltrovo de instrumentoj, armiloj kaj vestaĵoj, li kapablis havigi al si abundan nutraĵon kaj kontraŭstari al siaj malamikoj, inter kiuj devas esti enkalkulataj ne nur la rabbestoj, sed ankaŭ malsato kaj malvarmo, dum kontraŭe la simio pereis.

Alivorte, ekestis inter kato kaj leono, aŭ aliparte inter homo kaj simio *vetbatalo,* tamen neniel batalo kun emo detrui. Se por tio ni serĉas paralelojn en la socia vivo, ni trovos, ke ĉi tiu vetbatalo de l' homo kaj de l' simio estas komparebla je l' konkurbatalo inter la teksindustrio uzanta modernajn maŝinojn kaj la manteksado. La manteksistoj malsate mortis, respektive ili aŭ iliaj infanoj estis devigataj elekti aliajn profesiojn, kaj la granda teksa industrio venkis, sed ne pro tio, ke la teksfabrikantoj konscie plenumis la ruinigon de l' manteksisto. Ili estis la plimulto en tute

malsamaj landoj, kaj la teksindustrioj de Lancashire tute ne faris *konscie* malamikajon al la manteksistoj en Hindujo aŭ Silezio; ili nur vendis siajn komercajojn pli malkare; la kliento nenion plu aĉetis de la manteksisto, kaj tiu ĉi devige pereis.

Aŭ se oni preferas ekzemplon malpli tragedian: Oni vidu la vetbatalon inter talentaj kaj malpli talentaj lernantoj kaj homoj, kiu — se ne intervenas kontraŭaj influoj — certigas al la talentuloj la plej superajn oficojn en la civilizita societo, kaj samtempe la sukcesplenan disvastigon de iliaj ideoj. Tiu ĉi plej grava levilo de l' spirita progreso nur malofte efikas kiel konscia batalo de l' talentulo kontraŭ la netalentulo. La normala okazo estas, ke ambaŭ studas en la sama lernejo, ke la unu sukcesas la ekzamenon, la alia ne, ke la unu atingas universitaton, la alia, ĉesiginte la lernadon, elektas profesion pli facilan. Plejofte la du lernantoj nenion faras unu *kontraŭ* la alia. Ili eble estas bonegaj kamaradoj. Ilia vetbatalo enhavas nenian emon al reciproka malutilo aŭ pereigo.

Sume ni do povas diri, ke la persisto de la taŭgaj bestoj kaj popoloj, sociaj klasoj, industriaj entreprenoj kaj sistemoj, kontraŭ aliaj malpli taŭgaj bestoj, popoloj, sociaj klasoj, industriaj entreprenoj kaj sistemoj, sendube estas la plej grava levilo de l' progreso, sed ke ĝi tute ne estas intencita batalo de unu kontraŭ la alia. Certe, ankaŭ tiu ĉi konscia batalo estas unu el la formoj de la batalo por la ekzisto, kaj kiam la Macedonoj venkis la Persojn kaj altrudis al ili sian civilizecon, tiu ĉi progreso devas esti atribuata al konscia lukto de la por la vivo batalantaj partioj. Se poste la greka civilizado venkis en la batalo kun la roma, kaj pace konkeris la milite venkintan Romon, ĝin plenigis per greka spirito, montriĝis tie denove la formo de la vetbatalo, sed tute ne la batalo farita pro detruemo.

Do tia konscia batalo, plenumita kun detruemo, inter diversaj homaj grupoj — ĉu de du popoloj (milito), ĉu de du klasoj, ĉu de trusto kontraŭ aparta entrepreno — tute ne estas necesa por la progreso de la societo. La saman rolon povas ankaŭ plenumi la nura vetbatalo.

Ĉu tia ŝanĝo estus valora por la prospero de la diritaj grupoj? La venonta konsiderado montru, kiom multe ilia bonstato estas malhelpata de la detruema batalo, kaj kiel la batalo, instigita ĉefe de la deziro, stimuli la interesojn, fine produktas la kontraŭan rezulton, nome la malbonigon de la interesoj de la batalintoj.

El tiu ĉi klarigo rezultos pluaj pozitivaj deduktoj por la stimulo de la disvolvajoj, kiuj iom post iom kapablos, forigi la detrueman batalon.

* * *

Komuna karakteriza trajto de tiu ĉi batalformo, kiun ni do nomas detruema batalo, por ĝin diferencigi de la vetbatalo, estas la deziro, rompi la volon de kontraŭa grupo per intencita, kiel eble plej grava malbonigo de ĝiaj interesoj, eĉ kiam tiu ĉi ne favoras la proprajn interesojn. Tiu ĉi metodo de konscia malbonigo de kontraŭaj interesoj, kiel rimedo por rompi la fremdan volon, tre ofte rezultas en detruo de valorajoj, kiuj estas gravega parto de la komuna homa posedajo, aŭ de l' havo de iu malpli vasta socia anaro kaj pere ankaŭ malutilas al la sukcesa batalinto. Kiam ekz. la laboristoj de iu fabrikejo strikas, tio fariĝas kun la konscia intenco malservi la monan intereson de l' fabrikestro kaj kun la malrekta, sed neevitebla rezulto, ke la nacia havajo sammezure malpliiĝas, do ankaŭ la sumo de la valorajoj, kiu povas esti disdonata inter la diversaj socialaj klasoj. Se estus eble, eltrovi metodon por plibonigi la salajrojn de la laboristoj, kiu forigus la strikon kaj la intencan ĉesigon de la maŝinoj — kiu malutilas al la industriisto kaj ne utilas al la laboristo — la kvanto de la nacia havo, destinita por esti disdonata al la unuopaj klasoj, restus tute kompleta. Ĉe sistemo de la leĝa reguligo de la salajroj oni do povas doni pli multe, tiel al la klaso de la laboristoj, kiel ankaŭ al tiu de la industriistoj, ol en la landoj, kie regas la strikoj. De tio ja dependas la pli granda prospereco de la aŭstralia laboristaro, kompare kun tiu de aliaj industriaj landoj, en kiuj gravaj ekonomiaj valorajoj estas eldetruataj per strikoj.

Tute same okazas en la batalo inter popoloj. En la jaro 1914 la havo de la popoloj de l' okcidenta kaj centra Eŭropo, akurate kalkulita laŭ la nombro de la enloĝantoj, estis pli granda ol tiu de la Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko. En 1918 estos inverse. Antaŭe parto de la produktoj fabrikitaj de amerikaj laboristoj en amerikanaj fabrikejoj venis Eŭropon, en la poŝojn de la akciuloj de Germanujo kaj Anglujo; post la milito inverse parto de la valorajoj pretigitaj de la eŭropaj popoloj iom post iom enfluos Amerikon en la poŝojn de la tie loĝantaj akciuloj de la eŭropaj militpruntoj.. Sed ne ĉar Ameriko venkis en milito kontraŭ Eŭropo, ne kiel rezulto de detruema batalo, sed kiel rezulto de vetbatalo inter du konstituciaj sistemoj, la federacia sistemo de Ameriko, kiu forigas la valordetruon per batalo de la unuopaj federaciaj eroj inter si, kaj la anarkia sistemo de Eŭropo, kies valorajoj estas nuligitaj de la sencela interbatalo de la unuopaj ŝtatoj.

En la du okazoj ni vidas, ke sistemoj, kiuj eligas la detrueman batalon inter siaj anoj, sukcese sin defendas en sia vetbatalo kun aliaj sistemoj, kiuj interne estas konsumataj de tia detruema batalo, ke ili havas valoron pli altan, ke la detruema batalo ne estas levilo de progreso, sed en la nuntempaj cirkonstancoj de la homa evoluo, malhelpo al progreso.

*(Daŭrigota.)* *Prof. D-ro R. Broda.*

Trad.[1]: *A. C.*

 SOCIA VIVO 

## La monŝanĝoj dum la milito

Inter la financaj kaj komercaj problemoj naskitaj de la milito, neniu estas pli nuntempa kaj interesa ol tiu de la monŝanĝo, ĉar la ŝanĝo fariĝis la ĉeffaktoro de la aferrilatoj inter la popoloj.

Antaŭ la milito, la tiamaj ŝanĝdiferencoj moviĝis inter mallarĝaj limoj, kiuj ne ofte superis la tiel nomatan „gold point", t. e. la transport-elspezoj de la oro, enkalkulante la asekurpremion kaj kelktagan interesperdon. Rilate al la landoj kun papermono, la diferencoj ja estis pli grandaj, sed kutime ili ne estis tre subitaj kaj estis sentitaj nur de la personoj, kiuj estis en konstantaj rilatoj kun landoj je plimalpli malbonigitaj financoj. Nuntempe, kontraŭe, ĉiu interesiĝas je la monŝanĝoj, ĉar ĉiu konstatas la tujajn efikojn de iliaj balanciĝoj.

La militantaj kaj neŭtralaj registaroj, precipe la unuaj, kiuj, de kaj pro la milito, fariĝis tre gravaj aĉetantoj de kruda materialo, de nutrajoj, de fabrikajoj fremdlandaj, havas plej grandan intereson kontraŭstari je la malplivaloriĝo de sia propra mono, ĉar tiu malplivaloriĝo plikarigas la pagojn de ili farotajn.

La bankoj kaj bankistoj estas devigataj, por servi siajn

[1] El *„Dokumente des Fortschritts"*.

klientojn, havi fremdlande sufiĉajn havajojn, kaj, kia ajn estas ilia singardemo, estas neeble, ke la valoro de tiuj havajoj ne estas tuŝataj de la eksaltoj de l' ŝanĝo.

La kapitalistoj, grandaj aŭ malgrandaj, ofte havas parton de siaj ŝparoj en la formo de fremdaj paperoj, kies rentoj estas enspezeblaj en fremda mono; oni eĉ allasis, antaŭ la milito, ke estis singardeme posedi pli-malpli multajn paperojn de ŝtatpruntoj, fervojoj, industriaj entreprenoj de landoj, kies kredito ŝajnis tute bona. Nuntempe, la malaltiĝo de la ŝanĝoj malaltigas certajn rentojn de tiu kategorio je 15, 20, 30 % kaj eĉ pli.[1]

Fine, simpla privatulo povas esti tuŝata de la rapide moviĝema monŝanĝo, ĉu favore, ĉu malfavore, pro siaj aĉetoj eksterlande. Oni do povas diri, ke la demando pri monŝanĝo ĉiun interesas.

* * *

Dum la unua militjaro oni ĝenerale kredis, ke la ŝanĝmalaltiĝo de la militantaj ŝtatoj estas provizora kaj mallongdaŭra fenomeno; la personoj, kiuj tiam konsilis vendi, vane parolis. Ne sole multaj personoj ne revenigis sian monon el fremdlando, ĉar la malgajno ŝajnis al ili tro grava, sed oni daŭrigis amasigi la eksterlandajn kreditorajojn, laŭbezone prenante antaŭpagon ĉe la bankoj.

Iom post iom la situacio pligraviĝis; kelkaj personoj, iom malfrue ekkomprenінte la danĝeron, ŝanĝis siajn fremdlandajn kontojn en nacian monon, malgraŭ la gravaj diferencoj; aliaj, ŝajne ankoraŭ multnombraj, hezitis pro la perdo.

La kurzdiferencoj de monato al monato, de semajno al semajno, de tago al tago, eĉ oni preskaŭ povus diri de horo al horo, estis kaj estas tiel gravaj, ke neeviteble la spekulado enimplikiĝis. Ne ekzistas pli danĝera, pli konjekta spekulado ol tiu pri la ŝanĝoj, ĉar la naturaj kaŭzoj momente agantaj en tiu rilato preskaŭ tute malaperis kaj estis anstataŭitaj de aliaj kondiĉoj: pacperspektivoj, sekve plialtiĝo de l' ŝanĝoj; aŭ, daŭrigo de la milito kaj nova malplivaloriĝo.

Oni devas nete diferenci inter la militantaj kaj la nemilitantaj nacioj.

Ĉe la unuaj, la ŝanĝoj unuforme orientiĝis al malaltiĝo, sed kun diferencoj de rapideco kaj eĉ tre gravaj resupreniroj.

La ŝanĝoj de la nemilitantaj landoj estis firmaj kaj ofte plialtiĝemaj laŭ la specialaj kondiĉoj al kiuj ili estis submetitaj.

Dum paca tempo, la plej grava faktoro por la egaligo de la ŝanĝoj inter la nacioj provizataj je bonstata mono estas la interŝanĝo de la komercajoj. Sed por interŝanĝi, por eksporti komercajojn, necese estas, ke lando produktu da ili pli ol ĝi bezonas por la interna konsumado. Nu, tuj post la militdeklaroj, milionoj da homoj estis forprenitaj je la produktema laboro en Germanujo, en Aŭstrio-Hungario, en Francujo, en Rusujo, poste en Britujo kaj en Italujo. Ne sole tiuj homoj ne plu produktis interŝanĝeblajn komercajojn, sed la ŝtato devis nutri, ekipi, armi ilin, renovigi la ekipadon kaj la armadon, per aliaj vortoj, tiuj milionoj da soldatoj, elprenitaj je la produktantoj, kalkuliĝis duoble aŭ trioble kiel konsumantoj. Plie, iom post iom la militantaj landoj estis transformitaj en milituzinejojn, kaj granda parto de la nemilitistigitaj laboristoj, eĉ virinoj, devis forlasi sian kutiman laboron por okupiĝi en la milituzinoj. Tiu movado ĉiutage kreskas laŭ tio, ke la registaroj pli kaj pli sentas la bezonon pligrandigi sian militilaron. Oni eĉ oficiale ekmobilizas por la milito la nacian laboron.

Tial, ne estas mirinde, ke la komerca bilanco de la militantaj nacioj grave ŝanĝiĝis, ke la eksportoj malpliiĝis, ke, por la Entente-landoj la importoj multe kreskis, malgraŭ la malpermesoj kaj oficiala premado celantaj malpliigon de la konsumado, kaj ke por la Centraj Imperioj, kiaj ajn estas la efikoj de la blokado, la saldo pagota al la neŭtralŝtatoj fariĝis pli kaj pli peza.

Kiel ajn oni agas por intensigi la militproduktadon internlande kaj malpliigi la konsumadon, la registaroj ne havas la povon malhelpi la ekziston de tre grava deficito en la nacia produktado, tiel longe kiel la armeoj estos mobilizataj, kaj restarigi normalan komercan bilancon tiel longe, kiel ili devos vesti, nutri, hejti la popolon kaj prizorgi la militilaron kun la malpliigita enlanda laboristaro.

Sekve, por reguligi la monŝanĝon (ni eĉ ne diras por ĝin plialtigi), oni devas trovi aliajn kompensojn. Tiujn rimedojn serĉis kaj parte trovis la registaroj, sed ili ne estis sufiĉaj kaj ŝajne nun ekmankas.

Unue, estas la oro, la plej bona kompensajo, kiu dum paca tempo sufiĉas plej ofte por egaligi la ŝanĝdiferencojn. Dum la milito oni sufiĉe multe uzis tiun rimedon, precipe en la komenco. La Entente-landoj, pere de Britujo, sendis al Ameriko gravajn kvantojn de flava metalo, kaj oni scias, ke la Centraj Imperioj kelkfoje ekspedis oron al la neŭtralŝtatoj. Sed tiuj sendajoj ne povas konstante renoviĝi; kontraŭe, fariĝas videble, ke la grandaj eldonaj bankoj ne plu volonte konsentas je tio. Ili ja devas protekti sian metalan enkasajon, kiu servas kiel bazo kaj garantio por la bankpapera eldonado.

La grandega papera cirkulado kreskis de la militkomenco sekve de la neceseco anstataŭi la metalan monon, kiun la publiko ŝparkonservis; nuntempe, ĝi ĉefe devenas de la antaŭpagoj, kiujn ĉiu eldona banko faras al la nacia registaro, ĉu senpere, ĉu per diskonto de pagbiletoj kaj tratoj aŭ per pruntedonoj je tiuj valoroj. Ŝajnas, ke ĝi ne povas esti senteble malpliigata dum la milito, malgraŭ la penadoj faritaj por tiu celo. Nu, kiel ajn fidindaj estas la grandaj eldonaj bankoj, estus danĝere, rilate al la kredito de la bankbileto, ankoraŭ malpligrandigi la metalan enkasajon. Tial, la rimedo sendi oron fremdlanden por reguligi la ŝanĝojn iom post iom malaperos.

Ĝia surogato estas la eksterlanda pruntepreno, kiu havas du celojn, nome pliigi la rimedojn por la milito, kaj ebligi pagadon fremdlande sen difektiĝo al la ŝanĝo.

Antaŭ 1914, la eksterlanda pruntepreno estis multe praktikita de la landoj, kiuj deziris prizorgi sian ekonomian disvolviĝon, kaj de tiuj, kies financoj estis en malbona stato. De la milito, la batalantaj nacioj ofte uzis tiun rimedon; Usono estis aparte pripetita, sed oni ankaŭ sin turnis al la malgrandaj eŭropaj neŭtralŝtatoj kaj eĉ al Japanujo. Laŭ lastatempaj kalkuloj, la sumo de la eksterlandaj pruntepreпoj de la militantaj ŝtatoj, de la komenco de 1915, estas taksataj je pli ol 11 miliardoj da frankoj, ne enkalkulante la lotadon je mallonga templimo. Usono partoprenas en tiu sumo per 9 miliardoj kaj duono. Sed ŝajnas, ke momente la militantaj landoj preskaŭ eluzis tiun rimedon, ĉu ĉar la neŭtralŝtatoj estas saturataj de tiuj paperoj, ĉu ĉar la daŭrigo de la milito minacas la ĝis tiam sendiskutan krediton de la grandaj regnoj.

Alia maniero reagi kontraŭ la malaltiĝo de l' ŝanĝo konsistis en tio, ke la registaroj konsilis al siaj enlandanoj vendi siajn fremdajn paperojn aŭ ilin pruntedoni al la ŝtato, por ke ĉi tiu povu ilin doni garantie kaj ricevi antaŭpagojn. Sed tiu rimedo ne estas elĉerpebla, kaj eĉ estas supozeble, ke, por kelkaj landoj, ĝi jam estas elĉerpita.

[1] Tiu artikolo estas verkita laŭ svisa vidpunkto. La stato de la monŝanĝoj rilate al Svisujo estis la jena, komence de januaro (proksimumaj ciferoj):

| | | | |
|---|---|---|---|
| 100 frankoj francaj | = 86 frankoj svis. | 100 rubloj rusaj | = 150 frankoj svis. |
| 100 frankoj italaj | = 74 „ „ | 100 florenoj nederlandaj | = 206 „ „ |
| 100 pesetoj hispanaj | = 108 „ „ | 100 kronoj svedaj | = 149 „ „ |
| 1 funto sterlinga | = 24 „ „ | 100 kronoj danaj | = 138 „ „ |
| 100 markoj germanaj | = 84 „ „ | 1 dolaro usona | = 5 „ „ |
| 100 kronoj aŭstriaj | = 53 „ „ | | |

La ekspedoj de oro, la eksterlandaj prunteprenoj, la vendoj de paperoj, povis malfruigi la malplivaloriĝon de la ŝanĝoj, ĝin malplirapidigi, ĝin iel reguligi, sed ĉiuj tiuj rimedoj kunigitaj ne povis ĝin plene haltigi. Estas supozeble, ke en la estonteco ili ankaŭ ne sukcesos, ĉar tiuj rimedoj jam ekmankas. El ĉiuj militantaj ŝtatoj, Britujo plej bone eltenis; la funto sterlinga belege rezistis dum la unuaj du militjaroj, sed ĝi nun montras signojn de malfortiĝo, kaj oni povas allasi, ke kun la tempo la samaj kaŭzoj produktos la samajn efikojn.

Oni do devas antaŭvidi, ke se la milito daŭras, la movado de malaltiĝo de la ŝanĝoj kreskos. Kontraŭe, la pacperspektivoj kaŭzus tujan pliboniĝon; eĉ, estas certe, ke pro la efiko de la spekulado, tiu pliboniĝo estus momente trograndigata. La ĉeso de la milito ne tuj rebonigos la komercan bilancon de la militantaj landoj; ili devos reorganizi sian produktadon, sin reprovizi je kruda materialo, je nutraĵoj kaj fabrikaĵoj, sinsekve malpliigi la grandegan bankbiletan cirkuladon, trovi la monrimedojn necesajn por pagi la grandegan ŝarĝon de la militŝuldo.

Ĉio tio postulos tempon, multe da tempo. Estas eble, ke por kelkaj landoj la tasko estos pli facila ol por aliaj; iuj devos fari aranĝojn, kiuj plilongigos la transiran periodon. Tial, oni ne atendu, ke je la paco, la ŝanĝoj regule realtiĝos; okazos ankoraŭ multaj kaj subitaj alternoj; nur multe pli malfrue, kiam la ekvilibro de la financoj kaj de interŝanĝoj estos restarigita, oni povos konstati firmecon ĉe la monŝanĝoj.

Laŭ la *Bulteno de la svisa Bankverein*.
Trad.: *A. R.*

---

## La efikoj de la rasa kunmikso

Estas konata fakto, ke kiam du rasoj okupas la saman geografian regionon, rezultas miksita loĝantaro; la rasa kunmikso liveris tiel altan procenton de la tutmonda loĝantaro, ke la kvalito de la produkto estas tiel grava por la socia prospereco ol ĝi estas interesa por la antropologo kaj sociologo. La demando estas tiom pli studinda en la nuna epoko de kolonia ekspansio pro la kreskanta kontakto de la Eŭropano kaj de la nigraj tropikaj popoloj. Tamen oni tiel ofte pritraktis la problemon rigardante ĝin pli el filozofia ol el objektive-scienca vidpunkto, ke inter la kompetentuloj ekzistas plej granda diferenco de opinioj. La disĉiploj de Gobineau en Francujo kaj de Morton en Ameriko asertas, ke la rasa kunmikso havis kaj povas havi nur danĝerajn sekvojn. Ĉe la alia ekstremo troviĝas tiuj, kiuj en Usono dum kaj post la interna milito asertis, ke la kunmikso inter rasoj tiel malproksimaj kiel la blanka kaj la nigra estos bonfara. Ni ĉi-tie citos kelkajn faktojn, kiuj celas pruvi, ke la rasa kunmikso, en la maloftaj ekzemploj kiam ĝi okazas ĉe favoraj kondiĉoj, produktas tipon superan pri naskemo, vivpleneco kaj kulturvaloro, ĉu je unu, ĉu eĉ je ambaŭ rasoj.

La supereco de miksita popolo je la indiĝena raso montriĝas per sia persista vivado tie, kie la indiĝenoj en kontakto kun la fremduloj malmultiĝis aŭ malaperis. Kiam la insulo Tasmanio estis koloniigita, oni taksis la enloĝantaron je 7000 homoj. La politiko de ekstermado malpliigis la nombron de la enlanduloj ĝis 120 en 1832. Ili estis transportitaj sur la insulon Flinders, sed kvankam tiu loko estas saniga, en 1847 restis nur 14 viroj, 22 virinoj kaj 10 infanoj. Tiujn lastajn oni transportis je 1847 en Oyster Cove, suda regiono de Tasmanio, sed ili tiel rapide defalis, ke je 1869 restis nur tri maljunaj virinoj, el kiuj la lasta mortis je 1876.

Konata estas la rapida malplimultiĝo de la Maorioj (indiĝenoj de Nov-Zelando) kaj de la Aŭstralianoj; el la enlanduloj de insularo Hawaï, en Pacifika Oceano, taksita je 300,000 individuoj, kiam Cook eltrovis la insulojn, restis nur 29,787 en la jaro 1900.

Tamen, eĉ en la tempo de Darwin, ŝajnis jam evidente, ke kunmikso inter indiĝena gento kaj civilizita raso naskas vivkapablan idaron, kiu povas plimultiĝi spite la ŝanĝoj de la kondiĉoj. Inter la jaroj 1866 kaj 1872, la indiĝenoj de Hawaï malplimultiĝis, dum la nombro de la duonsanguloj kreskis je 847. Inter 1890 kaj 1900, la nombro de la pursangaj Hawaï'anoj malkreskis de 34,436 ĝis 29,787, dum la miksrasuloj pliaitiĝis de 6,186 ĝis 7,848. Sciencisto Quatrefages skribis, ke „la Polineziaj insulanoj malaperis kun terura rapideco, dum la duonsanguloj estas tre naskemaj". Kvankam la Indo-Amerikanoj tendencas malmultiĝi, la kunmikso de la Negroj, de la Hispanoj kaj Portugaloj kun la Indianoj reprezentas gravan partumon en la Sud-Amerika loĝantaro. La Griquas de Sud-Afriko, idoj de Holandanoj kaj Hotentotoj, prosperis kaj plimultiĝis dum la Hotentotoj rapide malaperis.

En 1770 la insulon Pitcain (Pacifika Oceano) koloniigis naŭ anglaj ribeluloj, ses Tahitianoj kaj dek-kvin Tahitianinoj. En 1808 restis nur blankaj viroj kaj ok-naŭ virinoj kaj infanoj. Sed la unuaj duonsanguloj edziĝis kaj havis multajn infanojn. En 1855 la loĝantaro sumis 200. Transportite al insulo Norfolk, ili plimultiĝis tiel rapide, ke en 1868 ili estis 300; en 1905, la loĝantaro de insulo Norfolk atingis 1059, kies plimulto estis idoj de la ribeluloj. La rimarkinda kresko de la duonsanguloj de Pitcain kaj Norfolk, pli rapida ol la kresko de la loĝantaro en Anglujo, kontrastas kun la rapida malkresko de Tasmanianoj, Maorioj kaj Aŭstralianoj.

La faktoj, kiuj favoras la opinion, ke la duonsanguloj ne estas naskemaj, estas tiel zorge serĉataj, ke la aro de opinioj pruvantaj ĝuste la malon restas nekonata. Eminenta aŭtoritatulo en Usono asertis, ke la malplimultiĝo de la rilatoj inter blankuloj kaj negroj en la sudaj ŝtatoj kaŭzas malplimultiĝon de la duonnegroj kaj reiron al la pura afrika tipo. Sed la popolkalkuladoj pruvas, ke dum tiu periodo la kresko estis tamen pli rapida ĉe la duonnegroj ol ĉe la puraj negroj.

Kvankam la malpliiĝo en la rasa kunmikso en Usono estas ofte trograndigata, estas vere, ke la tieaj kondiĉoj ne estas favoraj je la daŭrigo de la duonnegra tipo. La miksdevena loĝantaro tendencas malaperi, ĉu edziĝante kun la pli nigraj rasoj, ĉu asimiliĝante je la blanka raso. La persista penado por forigi la negrojn el la partopreno je la privilegioj de demokrata societo, instigis multajn homojn, ĉe kiuj la postesignoj de la duonnegra deveno ne plu estas videblaj, enloĝiĝi en regionoj, kie ili ne estas konataj, kaj tie kuniĝi kun la blanka raso. Ke malgraŭ tiaj kondiĉoj la duonnegroj plimultiĝas, pruvas, ke rilate al naskemo kaj vireco ili estas malsuperaj je neniu el ambaŭ devenaj rasoj. La duonnegra klaso daŭrigas en Haïti, sed reprezentas nur 10 % de la loĝantaro; la nombro de la blankuloj estas malgrava. En San Domingo la duonsanguloj rapide plimultiĝas, kvankam nun la kunmikso inter blankuloj kaj negroj estas tre malofta.

Al la duonnegra gento estas tre malfacile elmontri ĝian kulturvaloron, pro la tre malbonaj kondiĉoj en kiuj ĝi naskiĝas kaj vivas. La plimulto de la rasaj kunmiksoj okazas ĉe la limregionoj de la civilizacio, kaj la duonsanguloj, malestimataj de unu raso kaj malestimantaj la alian, preskaŭ ĉiam vivis kiel elpelitoj. Tiuj viktimoj de la antaŭjuĝoj devus elmontri nur malvirtojn; tamen, spite tiuj malfavoraj kondiĉoj, ili ofte atestas pri la supera energio kaj spirita

fortikeco, kiuj rezultas el la rasa kunmikso. La pli multaj negroj, kiuj en Usono atingis honorajn postenojn, estis duonnegroj. Pluraj el ili, apartenantaj al pli pura tipo, montris rimarkindan intelektan kapablon; eble pli ol koincidon oni devas vidi en tiu fakto, ke Douglas, Washington kaj Du Bois, kiuj estis la elito de tiu grupo, estis duonnegroj, cetere superaj al siaj negraj kaj blankaj prapatroj. La duonnegroj de Haïti reprezentas gravan procenton de la aristokrataro, kaj prosperas en la komerco, en la liberaj profesioj kaj en la ŝtataferoj. La kolora loĝantaro de Jamaiko sin dediĉas precipe al la komerco kaj al la liberaj profesioj. Sir Sydney Olivier opinias, ke tiu klaso de duonsanguloj estas necesega por la regionoj de orienta Indio, ĉar ĝi evitas la rompon, kiu ordinare okazas inter blankuloj kaj negroj, kaj helpas je la unueco.

Estas ne mirige, ke la rasa kunmikso ofte naskas malsuperan loĝantaron. La rifuzo de leĝa kaj societa sankcio je la miksdevenaj edziĝoj rezultigas, ke tiaj okazas preskaŭ nur ĉe la malsuperaj popolklasoj. Sed multe pli favoraj estas la rezultatoj kiam la kunmikso okazas en pli bonaj kondiĉoj. La Portugaloj kaj la Holandanoj edziĝis inter si plurajn jarcentojn en Hindujo por la profito de ambaŭ rasoj. Tio estas ankaŭ vera rilate al la Rusoj kaj iamaj indiĝenoj de Siberio. La kunmikso de la Araboj kun la Nord-Afrikanoj produktis la Maŭrojn, multaj kunmiksoj de Turkoj, tiuj de Hispanoj kun Indianoj en Sud-Ameriko kaj en Meksikujo montras la bonajn efikojn de la rasa kunmikso, se la diferencoj inter ambaŭ rasoj ne estas tro grandaj kaj se ambaŭ seksoj de ambaŭ rasoj edziĝas inter si, anstataŭ ol nur la viroj de unu raso edziĝas kun la virinoj de la alia raso.

En provinco Sao Paolo (Brazilujo) la Portugaloj miksiĝis kun la indiĝenoj Gayanages kaj Carijos. La idoj estis konsiderataj kiel egalaj je la blankuloj. El tiuj edziĝoj devenas raso rimarkinda pro sia intelekta kapablo, fortikeco kaj kuraĝo.[1]

Se la rasa kunmikso ne ĉie estas dezirinda, la kunmikso inter specialaj rasoj, en favoraj kondiĉoj, kreskigas ofte superajn tipojn, ĉiuokaze estas certe, ke multaj el la ĝisnunaj kunmiksoj pruvas la absurdecon de tiuj opinioj, laŭ kiuj la miksado de la sango de la tiel nomataj superaj rasoj kun la tiel nomataj malsuperaj favoras la malplimultiĝon de la homa gento aŭ reiron al la barbareco.

*Prof. Earl Finch,*
Profesoro ĉe la Universitato Wilberforce, Usono.

[1] Vidu la artikolojn pri *La duonnegroj en Brazilujo*, „*Esperanto*", N-ro 9/10, paĝo 100.

## La naciaj parkoj en Usono

Nacio tiel aferema kiel Usono bezonas ne sole laborejojn, sed distrejojn. Kiel la urboj komprenas, ke estas saĝe kaj necese posedi plenaerajn spacojn por la infanaj ludoj, tiel same la antaŭzorgema nacio rezervis por la plezuro de ĉiuj popoloj de l' terglobo tiajn lokojn, kiuj inter siaj grandegaj posedaĵoj estas aparte atentindaj pro sia grandeco kaj beleco.

En dek-unu el la okcidentaj ŝtatoj, ekzistas terpartoj de kelkcentoj ĝis pli ol du milionoj da akroj (1 akro = 0,4047 hektaro), kiuj, laŭ decido de la nacia kongreso, estis starigitaj kiel naciaj parkoj. En tiuj grandaj rezervspacoj oni trovas pejzaĝojn kaj naturajn fenomenojn, kiuj forte impresas la vizitantojn. Multaj personoj antaŭ nelonge vidis je la unua fojo tiujn mirindaĵojn, ĉar la miloj da turistoj, kiuj kutime traveturis la oceanon al Eŭropo, vojaĝis tra la kontinento por viziti la Pacifikan marbordon, kie ilin altiris la Panama—Pacifika ekspozicio. La vojaĝantoj, kiujn ĝis tiam allogis la belaĵoj de l' Alpoj, la pentrindaj bordoj de l' Rejno kaj la milda ĉarmo de la francaj valoj estis mirigitaj, kiam ili konstatis, ke similajn aŭ superajn mirindaĵojn ili povas rigardi en la regionoj, kiujn la registaro speciale destinis por la okulplezuro. La plej konata el tiuj regionoj estas granda etendaĵo de praarbaro de ĉirkaŭ 2,000,000 akroj, kies ĉefa parto troviĝas en ŝtato Wyoming kaj aliaj en la ŝtatoj Montana kaj Idaho. Plej rimarkindaj estas la gejzeroj (varmaj akvofontoj), da kiuj estas pli ol en la tuta mondo. La sennombraj akvofontoj elĵetas grandan kvanton da vaporo, kiu altiĝas en la ĉielo kaj disiĝas en la nuboj. Estas ankaŭ tumultaj riveroj, trankvilaj lagoj, altaj akvofaloj de magia beleco. La grandaj montotranĉoj (kanjonoj), la vastaj etendaĵoj de ŝtonigitaj arbaroj, la sennombraj sovaĝaj bestoj kaj ĉiuspecaj birdoj igas tiujn lokojn interesplenaj kaj vidindaj.

Kiam oni ekvidas je la unua fojo la gejzerojn, stranga impreso kaptas nin. Ekzistas pli ol kvardek gejzeroj, al kiuj oni povas alproksimiĝi; ne du el ili similas unu la alian rilate al la karakterizoj. Iuj elĵetas akvon aŭ vaporon je intertempoj de kelkaj sekundoj, aliaj je intertempoj de kelkaj minutoj, aliaj je intertempoj de kelkaj horoj, de kelkaj tagoj, eĉ de kelkaj semajnoj. La tuta regiono bolegas, fajfas kaj elŝprucas vaporojn. La elŝprucoj atingas de 10 ĝis 76 metroj. Eĉ kiam la gejzeroj ne elŝprucas, ilia akvujo prezentas belegan vidaĵon. El multego da fendaĵoj eliĝas vapornuboj; la najbaraj arboj, kiuj povis rezisti je ĉiuj tiuj ŝanĝoj, ankoraŭ staras, sed senbranĉaj kaj senŝelaj; ili estis mortigitaj de la varmegaj akvoj, kaj nun ili similas fantomojn. Kelkloke oni vidas smeraldkolorajn akvotavolojn aŭ belkolorajn surfundaĵojn, kontraste kun la blanka grundo. La gejzero „Konstanta" elŝprucas je alteco de 6 metroj ĉiuminute. La gejzero „Giganta" elŝprucas je intertempo de 5 ĝis 7 tagoj. La gejzero „Fidela" estas la plej regula; de kvardek jaroj kiam ĝi estas konata, ĝi ĉiam kontentigis la scivolon de siaj rigardantoj elŝprucante ĉiu-sesdek-kvinsekunde.

Je ses kilometroj de l' norda enirejo al parko troviĝas la terasoj de la varmaj fontoj „Mammoth", formitaj dank' al la ŝtono alportita de l' varma akvo. De malsupre, ili prezentas la vidaĵon de glaciaj kaj neĝaj amasoj. En kelkaj lokoj, la deklivo estas vertikala, kvazaŭ oni estus elŝirinta parton. De supre, la efekto estas ankoraŭ pli diversa kaj pli bela. Oriente, troviĝas la abrupta deklivo nomata Monto Evarts; nord-okcidente, estas la supro de l' tiel nomata Elektra Pinto, je la limo de l' parko; ĉirkaŭe kaj malsupre de tiu kvazaŭa amfiteatro vidiĝas diverskoloraj akvotavoloj, kiuj servas kiel defluejo al la fontakvoj.

La grandaj faloj kaj la granda kanjono de la rivero Yellowstone prezentas preskaŭ senegalan kombinon de koloroj kaj skulptaĵoj. De loko nomata „Inspiration Point" rigardante malsupren je 305 metroj, la observanto vidas admirindan kaleidoskopon. La abruptaj deklivoj estas tratranĉitaj de la frosto kaj de la tempa erozio. De loko al loko la dentumitaj pintoj staras similaj al gotikaj pintoj, punkte makulitaj, tavolitaj kaj kolorigitaj ĉiutone, de la malheloranĝa ĝis la hela citronflava koloro, de la karmezina ruĝo ĝis la plej delikata rozkoloro, de la nigro ĝis la blankego pasante tra ĉiuj griznuancoj. En siaj „American Notes", la verkisto Kipling jene priskribis la vidaĵon:

„Eksterordinara amasiĝo de koloroj: karmezina, smeralda, kobalta, okra, ambra, miela kun vinfeĉa, neĝblanka, cinobra, citronflava kaj arĝentegriza, ĉio kun grandaj penikostrekoj. La flankoj ne estas glataj, sed ilin konsumis la tempo, la akvo kaj la aero; ili prezentas timigajn kaj monstrajn formojn de kapoj de reĝoj, de mortintaj ĉefoj, de viroj kaj virinoj de la pratempo. Tiel malproksima de ni, ke nenia bruo

de sia tumulta akvaro povis atingi niajn orelojn, la rivero Yellowstone serpentumas, simile al banderoleto de jado ne pli larĝa ol fingro ... La kanjono fajris kiel iam la urbo Trojo, sed ĝi ĉiam fajras, kaj por la plej granda gloro de l' Ĉio-povanto, nek la plumo de la verkisto, nek la peniko de l' artisto kapablas fidele reprodukti ĝiajn superbelaĵojn."

Kiel loko rezervita por la sovaĝaj bestoj, la parko ankaŭ estas citinda. De sia malfermo je 1872, la ĉasado estas malpermesita interne de ĝiaj limoj: la alko, la urso, la diversspecaj cervoj, la antilopo, la bizono, la norda cervo, la bigorno multope vagadas libere sur la ebenaĵoj kaj la montoj. Tridek mil alkoj vivadas interne de l' parko. La antilopoj, kiuj preskaŭ ne plu ekzistas aliloke, abundas tie, kaj de longe ĉiuj bestspecoj ne plu timas la homon. Se oni deziras vidi tiajn bestojn grandnombre kaj en ilia natura loĝloko, sufiĉas atendi momenton en tiu sovaĝa pejzaĝo, kaj ĉio kvazaŭ sorĉe viviĝas. Ĉar ili neniam estas persekutataj kaj ĉasataj, la bestoj elmontras preskaŭ nenian timon, ne pli ol la birdoj, kiuj faras neston en la arbobranĉoj sub kiuj ili kutime pasas. La sovaĝa urso senurĝe trapasas la vojon je kelkaj paŝoj de la izola piediranto. Cervobandoj maldiligente leviĝas por lin vidi. La alkoj apenaŭ moderigas sian avidecon kiam ili englutas la arbarajn herbojn. Aroj da antilopoj sur la deklivoj de la montetoj apud kiuj oni pasas, rigardas, sed sen ia maltrankvilo.

Fama pro siaj pentrindaĵoj, atentinda kiel rifuĝejo por la besta vivo, Yellowstone estas ankaŭ rimarkinda pro siaj ĉarmaj riveroj kaj kiel loko de fiŝkaptado. Tri riveroj havas sian fonton interne de la limoj; la trutoj estas abundaj. Plie, oni povas sin fordoni al la plezuro de l' fiŝkaptado ankaŭ en la lagoj kaj lagetoj.

La Usona ministerio de l' internaj aferoj, kiu kontrolas la naciajn parkojn, energie agas por ke tiuj lokoj estu ŝatataj kaj vizitataj de la publiko. Tri fervojaj linioj finiĝas ĉe la limoj de l' parko, kvin hoteloj kuŝas je la plej rimarkindaj lokoj, kaj ekzistas pli ol deko da publikaj tendaroj. Turisto povas viziti la mirindaĵojn de Yellowstone en kvin tagoj — tian tempon postulas la transportkompanioj — sed por vidi kaj taŭge viziti la parkon, preferinde estas, dediĉi al tio dek-kvin tagojn aŭ eĉ unu monaton. Nur tiamaniere oni povas ĝui ĉiujn ĝiajn naturbelaĵojn.

Trad.[1]: *E. B.*

[1] Laŭ la *„Bulteno de la Pan-Amerika Unio"*.

# ☆ NOTOJ ☆

∴ **La kontraŭalkohola batalado en Usono.** — La batalado kontraŭ la alkoholo, fermentita kaj distilita, daŭrigas sukcesplene. Je la 7 novembro 1916, tago de la balotoj por la Prezidanteco, kvar novaj ŝtatoj, nome Michigan, Nebraska, South Dakota, Montana, aldoniĝis je la dek-naŭ ŝtatoj, kiuj ĝis tiam malpermesis la fabrikadon kaj vendadon de alkoholaĵoj. Ankaŭ en la nacia teritorio Alaska, konata pro siaj grandegaj metal- kaj karboriĉaĵoj, la regnanoj malpermesis alkoholaĵojn. Kontraŭe, la malpermeso estis malakceptita en du ŝtatoj, nome California, kiu estas vinprodukta lando, kaj Missouri, tiu ĉi lasta nur pro la voĉdono de urbo St-Louis, kiu posedas la plej grandajn bierejojn en la mondo.

Inter la dudek-kvin ŝtatoj, kiuj ne ankoraŭ malpermesis alkoholaĵojn, ekzistas cetere alia institucio, la tiel nomata *local option*, dank' al kiu popolvoĉdonado povas malpermesi la fabrikadon kaj vendadon de alkoholaĵoj interne de difinita distrikto.

Se oni aldonas la efikojn de la malpermeso laŭ ŝtatoj kaj tiujn de la malpermeso laŭ distriktoj, oni eltrovas, ke 85 % de la teritorio kaj 63 % de la Usona enloĝantaro staras sub la senalkohola reĝimo. La movado komencis en sudo kaj okcidento, sed pli kaj pli trapenetras la orientajn ŝtatojn. Tiel forta estas la kontraŭalkohola antaŭenpuŝo, ke en la ŝtato Florida, je la 7 novembro, kie demokrata kandidato kaj respublikana kandidato konkuris por la posteno de ŝtatestro, nek unu, nek la alia estis balotita, sed Reverend Catts, kandidato de la abstinenculoj, al kiu oni pli multe konfidis rilate al la apliko de la kontraŭalkoholaj leĝoj. — *E. B.*

∴ **Internigitaj patroj en Svisujo.** — Ĉar la germana registaro deklaris sian pretecon internigi en Svisujo cent francajn militistojn, kaptitajn de pli ol dek-ok monatoj kaj havantajn almenaŭ tri infanojn, kondiĉe, ke Francujo reciproke agu, kaj ĉar la franca aŭtoritato siaflanke akceptis tiun proponon, la Svisa Federala Konsiliantaro decidis, kiel provon kaj sen ia sindevigo por la estonteco, gastigi en Svisujo laŭ la kondiĉoj fiksitaj por la internigo cent germanajn kaj francajn militkaptitojn en la situacio ĉi-supre priskribita. Se tiu provo donas kontentigajn rezultatojn, pliaj aroj estos internigataj.

La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco informas la familiojn, ke ĝi ne estas komisiita elekti la kaptitojn de tia kategorio. Ĉiun peton pri internigo en Svisujo, ĉu pri malsanulo, ĉu pri patro de tri infanoj internigita de pli ol dek-ok monatoj oni sendu al la ĉefkuracisto de la svisa armeo, internigita fako, Marktgasse 39, Bern. — Laŭ la *„Bulteno de la internacia informejo pri militkaptitoj"*.

∴ **La plej aĝa arbo de l' mondo.** — En la urbeto Santa Maria del Tul, Meksiko, staras grandega trunko da cipreso (Cupressus disticha, sabina), kiu havas pli ol 4000 eble preskaŭ 6000 jarojn. Dr. St. von Schrenk, la patologiisto de Missouri Botanical Garden en St. Louis, kiu ekzamenis tiun faman arbon en 1903, trovis ĝin je sana kaj forta kreskado; la ĉirkaŭo ĉe la brustalteco estas 126 futojn (la ĉirkaŭo en 1803 estis 118). La arbo estas ĵaluze gardata de la tieaj loĝantoj, tiel, ke oni ne povas eltiri eĉ unu folion. La jara daŭro de la homa vivo tiel estas kompare je tiu ĉi mirindaĵo kiel tiom da sekundoj je la taglumo. — *G. M. Burkarth.*

 LITERATURO 

# Folioj de la vivo

de **Santiago Rusiñol**[1]

## Soleco

Sin trovi malproksime de la lando, kaj pro volo de la sorto troviĝi en malgranda stacidomo, en la ajn stacio staranta apud ebena, brilanta kaj longa relvojo, longa kaj glata ĝis mi ne scias, kie sur la ebenaĵo, kaj sin trovi tie sola, kaj dum vespero, tio estas sentaĵo el la plej malgajaj, folio el la plej malvarmaj de la vivo.

Ĉie, tiu fremda kvieteco, glaciaero, malsana kaj funebra heleco, verda lumeto funde de la malproksimeco por nura konsolo de la okuloj, la vilaĝo — kiu ja scias kie — la dormanta figuro, tiu nedifinita malpleneco, kaj tiu malfortiganta kvieteco, kredigas al la animo, ke la mondo estas dezerta.

Nenie la koro sentas tiun mortan malvarmecon, kiel ĉe tiuj stacidomoj, sencele enlokitaj, elĵetitaj meze de ruinigita kampo. Kiam oni troviĝas tie, kaj oni aŭdas la malproksiman malsanan voĉon de korno, kiu sonorigas longdaŭran noton kvazaŭ ploranta birdaĉo, kiam alvenas vagonaro kaj haltas tie, konfuze lumante tiujn tiel glatajn murojn, kiom da deziroj sentas la koro por eniri tiun vagonaron kaj foriri, kiel ja revas la spirito pri iomete da cindrovarmo, viva internaĵo, iom da fajro, kaj amo de rigardo!

Kiel malgajaj estas la fremdaj stacidomoj.

[1] Fama pentristo kaj verkisto katalune.

## Fabriko de sanktulfiguroj

Tio ne estis fabriko de Barcelona antaŭurbo, ne: ĝi estis kiel tute prava mi diras, fabriko kun patento por la farado de sanktulfiguroj el ŝtonkartono, lignopasto, gipsopapero aŭ kio ajn alia, ĉar por tio ĉi ili havas patenton, kaj estas sekretoj de la metio.

Tio, kio antaŭ longe estis arto serioza, inspirita kaj mistika arto, prilaborita en revema malprecizeco, ricevanta gloran helecon, kio antaŭe bezonis la inspiran lumeton kaj la anĝelan rigardon, la rideton de la virgulinoj, la ekstazon de la kredemuloj kaj eĉ la palmbranĉon de la martireco, tion hodiaŭ oni faras per privilegio, per turbino aŭ vapormaŝino kaj per la sekreto de pasto.

Por fari allogantan figuraĵon, oni ne bezonas monaĥejon, nek la solecon de preĝejo: hodiaŭ la modelilo faras ĉion: ĝi modelas, lakas kaj atingas enamigantan brilon; hodiaŭ ni havas transkopiaĵojn por enkarnigi la anĝelojn; por fari la violkolorigon sufiĉas la anilino; la afero estas vendi malkare, fari la anĝelojn vicare, ilin numeri kiel soldatojn, ilin provizi je vestoj kiel kromoj, kaj konstrui ilin el ia substanco, kiu estante longedaŭra ne malutilu la monujon.

La afero estas eltrovi paston. Estas kiu komencas kapeton, kaj la pasto de tiu kapo estas la patentita modelilo de tuta vivo de artisto; estas kiu pentras tri pajlejojn, kaj tiuj pajlejoj enviciĝas tra longa vivado; kiu trovas tombon kaj ĝin aliformigas je Appia vojo; kiu trovas arban modelilon, kaj faras per ĝi senliman promenejon; kiu, iam renkontas maŭron aŭ konatiĝas kun haremanino kaj ŝin montras, tra la mondo, dum oni barakeniras.

Tiu fabriko de sanktulfiguroj trovis la paston kaj ĝin elpremis el korpremanta maniero.

Imagu al vi la figurojn, sanktulojn, virgulinojn kaj anĝelojn envicigitajn, kvazaŭ rekrutoj: tie ĉi, vicaro da Sanktaj Jaimoj, ĉiuj samaj faritaj per sama modelilo, ĉiuj kun surskribeto; pli malproksime la samaj sanktuloj pli malgrandaj kaj kompreneble malpli karaj; la Sanktaj Jozefoj po dekduoj, la Sanktaj Virgulinoj lintaranĝitaj laŭ formatoj, kaj la krucifiksoj plafonpendantaj po vicaro.

Pli malproksime, kaj en alia salono, oni fabrikadis iajn Sanktajn Rokojn, kiuj estis la lasta mendo. Ili kuŝis sur bretoj. Viro pentris la genuojn per peniko kaj poto entenanta vundkoloron, kaj li faris nur tion, ĉar li estis specialisto; apud li du aliaj viroj pentris la makulojn de la hundo: kun regula movo ili iris de unu al alia profitante la koloron de taseto, kiun ili havis; knabinoj ĉirkaŭe dekjaraj pentris la kukurbajn boteletojn; aliaj pentris la apogbastonon, kaj la mastro rapidigis ilin, kaj korektis la vizaĝojn kopiitajn de la modelo, iun Sanktan Rokon funde enmetitan, kvazaŭ li estus la kapitano de tiu vicaro da figuraĵoj.

Mi eliris el tiu fabriko, dezirante ridi, kaj kun bedaŭro. Tiu kartonpasto malkariganta la belecon, vulgariganta la legendon, enmetanta la idealon en modelilon, estas unu el la plej malplaĉaj folioj de la vivo, kiujn mi legis.

Kiel modernistoj povas esti tiuj ĉi pastfabrikistoj.

## Apud maro

Tio okazis apud la maro, dum la sunsubiro, kaj en soleca marbordo.

Plej malproksime, banitaj de la lastaj dubeflavaj sunradioj, oni vidis kvanton de punktetoj enirantaj kaj elirantaj el akvo, rulantaj kaj kurantaj sur la sablo, kiel homserĉa flugado; en la dua antaŭaĵo, la ebenan kaj brilantan sablon, la akvon sternantan sur ĝin kaj la alvenantajn ondojn, kiuj kantas la kanton de la vespero.

Rekte al la maro mi vidis alveni blindulon, kiu palpis per la bastono la sablajn amasojn, kaj kun la kapo supren rigardis.

Li rekte parkere marŝis, gvidata de tiu akva kanto, kaj de la plaŭdobruoj de la ondoj, altirita de la plendo, kiun li aŭdis, delogita eble de ritma de li aŭdita bruo; kaj gvidis lin pli la instinkto, la palpado de la blueco, kiun li ne vidis, kaj la saleco de la aero, ol la neutila bastono, kiun li portis kiel nuran akompananton kaj gvidilon, kapablan koni la malmolaĵojn de la tero, sed ne la senlimecon de la etenditaj konfuzaĵoj.

Ĵus alveninte ĝis la rando de la ondoj, kaj aŭdante kiel ili glitas per delikatega murmuro, la blindulo haltis, enspiris la vesperan parfumon, plenigis de vivo la pulmojn, kaj restis iomete sendecida, ĝuante la kvietecon, kiu el ĉie ĉirkaŭis lin.

Kiam li konvinkiĝis, ke li estas sola antaŭ la senlimeco, havante antaŭ siaj malplenaj okuloj nur la estingitan mallumecon, la ebenaĵon el difinita koloro, kaj la ĉielan kurtenon el ne konata formo, li sin eksenvestigis sen hontemo, sen duboj, serioze, kvazaŭ la tero estus blinda.

Li senigis al si la postlasaĵojn de malriĉulo, la ŝtofojn senkolorigitajn pro mizero, amasigitajn flikaĵojn plenajn je nigra polvo, okazajn vestaĵojn kudritajn sur alia vesto, kaj kiam li sin senvestigis kaj defalis de li la mizeraj pecetoj, tiam ekeliris el interne, kiel kverko meze de ruinoj, la formo de tuta viro, maljuna kaj angula, blankkapa kaj osta, kvazaŭ Memling' sanktofiguro, dubeflava kun altartablaj tonoj, sed belega kaj respekteginda, kiel sankta figuraĵo.

Staranta kaj nuda antaŭ la maro, dum la suno origis lian frunton, li tute similis figuron elŝiritan el la Biblio, legendan profeton, kiu sondas interne de la fermitaj okuloj la grandan misteran navon, aŭ maljunan Judujan araban izolulon, kiu konsultas la lingvaĵon de la ondoj.

Ĉiam kun la bastono kiel gvidilo li paŝadis marantaŭen, kaj kiam li eksentis la ondan kontakton sur siaj genuoj, kiel enigman bapton solenigitan antaŭ la Naturo, li malsekigis sian maljunan kapon per la mano kaj haltis penseme.

Kion pensis tiu viro? Kion li pensis pri tiu maro, kiun li ne vidas, balanciĝanta sub liaj piedoj kaj debobenanta ondojn? Per kia mistero li ornamis tiujn kisojn flavkolorigitajn de la suno, kies subiron li sentis malgraŭ ke li ne povis ĝin adiaŭi? Funde de sia penso, el kia koloro li devis vidi la verdecon de la ondoj, la blankdubeviolajn kolorojn, la dolĉegan flavecon de la sablo, la dubeviolkoloron de la stelbrilo, kaj la roz- kaj fajrokoloron de la marnebulo? Kio estis por li la profundaj ĉielkonfuzaĵoj, ĉio kio flugas kaj glitas, la nesondebleco de la akvo, kaj la granda Naturo, malproksimaj de lia bastono, kaj malaperintaj el lia rigardo?

Ĉiam palpante, li surpaŝis marantaŭen, ĝis kiam li sentis la malvarman impreson de l' akvo proksime de siaj larĝaj ŝultroj; kaj ĉiu alvenanta ondo estis por li nova frostotremo, nova mistero, ĝi estis nekonata aĵo alportanta sendifinajn bruojn, guteldaŭoj de vojirantoj, kaskadoj venintaj el la malplenaĵo, arbaraj ekpuŝoj; ĝi estis la nokto, kiu paŝis kaj lin elĵetis sur la marbordon.

Al la nigra nokto de la blindulo, iom post iom, kuniĝis la malvokolora nokto de la tero. La suno subiris. La maro fariĝis el metala verdeco, erpita per delikata violkoloro; la ĉielbluo preskaŭ tuŝante la ondoj, estingiĝadis je rozkoloroj; safiraj bluaĵoj etendiĝis ĉirkaŭ la naskiĝantaj steloj; tie, en Oriento, la nuboj vaporiĝis, kaj trans la staranta akvo eklumis: tio estis la blanka lumo de la luno, kiu majeste supreniris.

Ĝi flame eliris el la maro, post la ŝultroj mem de la blindulo, klare desegnante lian silueton.

La antaŭa sankta figuraĵo, la biblia apero, la maljuna respekteginda figuraĵo estis konfuza ombro. La malvarma lunbano stompis la bruligan sunbanon; la ondoj triumfis puŝante sur la sablon la kompatindan nudan kaj moviĝeman ostaron; kaj sidante tie surtere, sin kovrante ree per la malriĉaj, plenpolvaj vestaĵoj, per la kompatindaj ĉifonoj de la mizero, kiam la vizio malaperis, ree li similis forpelitan skorion, senvaloran forĵetaĵon de la ventegoj de l' maro, teran ŝippereulon malakceptitan de la akvoj, kvankam ili sekvadis la ĉiaman balanciĝon, kantante la eternan kanton, kovrante per nova nokto la nokton de la blindulo.

El „*Folioj de la Vivo*" tradukis el kataluna lingvo
*Alfonso Sabadell.*

# Bileto de blankbarbulo

## Stoikaj paĝoj

*al militkaptita filo*

*Iru al via animo, al l' animo de l' Tuto, al l' animo de tiu ĉi homo: unue, al la via, por ke via spirito fariĝu amiko de la justeco; due, al tiu de l' Tuto, por ke vi memoru, de kio vi estas parto; trie, al tiu de tiu ĉi homo, por scii, ĉu en li estas nescio aŭ scio kaj samtempe pripensi, ke li estas via parenco.*

*Kiel vi estas mem ero de l' organismo de la civito, estu ĉiu el viaj agoj ero de la vivo de la civito. Se do unu el viaj agoj ne rilatas senpere aŭ pere la komunan finon, ĝi rompas la socian vivon, ĝi malpermesas, ke tiu ĉi socia vivo estu unu, ĝi estas ribela, kiel la civitano, kiu en la popolo, laŭpove disiĝas de l' komuna akordo.*

*Vi povas eviti multajn vantajn kaŭzojn de maltrankvileco, — kiuj ĉiuj kuŝas en via opinio, — kaj vi malfermos rapide al vi vastan vojon, se vi, per via penso, ĉirkaŭpremas la tutan mondon, se vi pripensas la eternecon de l' tempo, se vi konsideras, parton post parto, la rapidan aliformiĝon de ĉiu estajo: kiel mallonga la spaco inter ĝia naskiĝo kaj ĝia dissolvo, kiel longa la tempo, kiu antaŭiris ĝian naskiĝon kaj sekvas ĝian dissolvon.*

*Ĉio, kion vi vidas, rapidege detruiĝos; kaj tiuj, kiuj vidas tiun ĉi detruon, tre baldaŭ mem estos detruitaj; tiu, kiu mortas en ekstrema maljuneco, ne diferencas de tiu, kies morto estas antaŭtempa.*

El Marko Aŭrelio.
*Trad.:* Th. Cart.

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Praha:* La partoprenantoj en la kurso de F-ino Šupichová arangîs sukcesan feston. Por 1917, F-ino Šupichová denove gvidas Esp. rubrikon en la revuo „Rozkvet".

## Britujo.

*Aberdeen:* S-ro J. M. Warden, el Edinburgh, prez. de B. E. A., faris paroladon ĉe la loka asocio de la Eduka Instituto de Skotlando. — *Bournemouth:* S-ro P. J. Cameron, el Londono, faris paroladon ĉe la „Branksome Adult School". — *Edinburgh:* S-ro Page faris tre interesan paroladon pri Esp kaj la gejunuloj. F-ino Wanless arangîs muzikan vesperon. La regiona kunveno de UEA okazis; S-ro D. R. Tullo raportis pri la dummilita agado de la Asocio. — *Glasgow:* S-ro Cedric F. White paroladis ĉe la Skota Reklam-Asocio. *Leeds:* Okazis la jara konferenco de la Federacio de Yorkshire; ĉeestis delegitoj de York, Sheffield, Bradford, Hull, k. a. La urbestro bonvenis la partoprenantojn kaj favore paroladis pri nia movado. S-ro J. Rhodes estis reelektita kiel prez., S-ro Tuke Priestman kiel kas. kaj F-ino Morton kiel sekr. — *London:* La grava „Review of Reviews" enhavas interesan artikolon de F-ino E. A. Lawrence pri la progresoj de nia lingvo. — *Manchester:* Okazis la 36ª kvaronjara konferenco de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire. Ĉeestis delegitoj el Southport, Chorley, Preston, Stockport, Bury, St. Helens, Blackpool, Bolton, Eccles. La membraro nun superas 400. S-ro Applebaum estis reelektita kiel prez. kaj F-ino E. Hogg kiel sekr. — *York:* Post parolado de la kluba sekretario ĉe la Skoltoj, kurso estas aranĝita.

## Francujo.

*Bordeaux:* Okazis paroladoj ĉe la tempaj hospitaloj; ili estis prezidataj de S-ro Ryckmans kaj de D-ro Bergonié. S-ro Marly gvidas kurson. — *Lagny:* F-ino Levasseur gvidas kurson. — *Rouen:* S-ro Guersent faris kurson por komencantoj kun 12 lernantoj. — *Saint-Omer:* S-ro Deligny komencos kurson.

## Germanujo.

*Leipzig:* Ni ricevis interesan jaran raporton de la Esp. Unuiĝo de Magistratoficistoj, kiu nun kalkulas 29 membrojn; el ĝi rezultas, ke la stato de la asocio estas kontentiga. S-roj Prof. Göhl kaj Stucke faris paroladojn en ĉi-tieaj lazaretoj. — *Zittau:* Okazis sukcesa amika kunveno, ĉe kiu partoprenis ankaŭ samideanoj el Görlitz kaj Reichenau.

## Hispanujo.

*Barcelona:* Ĉe la lasta kunveno de „Fajro" oni elektis la jenan komitaton: Prez. R. S. Rocamora, vicprez. P. Magol, sekr. F. Gorgues, kas. F. Bori. — *Palma de Mallorca:* Ĉe la ĉi-tiea Esp. Klubo, S-ro Narciso Bofill, Del., klarigas kurson lunde, merkrede kaj vendrede de 7 h. ĝis 8 h. vesp. La komitato de la klubo konsistas el S-roj B. Planas, prez.; J. Mascaro, vicprez.; N. Bofill, sekr.; M. Vich, vicsekr.; J. Lladó, kas.; A. Ramis, bibl.; J. Aguiló, B. Rebassa kaj F. Barceló, anoj.

## Nederlando.

*Harderwijk:* Nia lingvo ankaŭ progresas ĉe la flandreparolantaj belgaj internigitoj. S-ro Maesschalk komencis novan kurson, kaj grupo estis fondita sub la titolo „Amikeco-Progreso". Jen la komitato: S-roj De Meerseman, prez.; Matton, vicprez.; Maesschalk, sekr.; Angers, kas.; Torfs, kom.

## Norvegujo.

*Holmestrand:* Post parolado de S-ro ĉefinstruisto Stóren, grupo formiĝis. — *Trondhjem:* La grupo estis restarigita. S-ro E. Christie paroladis en bontemplana loĝio, en asocio de la kamparana junularo kaj en tiu de la gimnazianoj.

## Portugalujo.

*Lisbono:* La Komitato „Por Esperanto en la Komerco", starigita en Lisbono laŭ invito de la Centra Oficejo, el Parizo, multe laboris. Al ĝia alvoko por sendi Londonon al la „Board of Trade" (Ministrejo de l' Komerco) leteron komunikante ilian aprobon al la propono por la elekto de unu sola lingvo por la komercaj rilatoj kaj petante la preferon por Esperanto, aliĝis jam la sekvantaj gravaj asocioj: Komerca Asocio de Lisbono (Komerca Ĉambro); Komerca Asocio de Butikistoj de Lisbono; Unuiĝo de Agrikulturo, Komerco kaj Industrio; Portugala Industria Asocio; Asocio de Komizoj de Lisbono; Asocio de Skriboficistoj. Funkcias kursoj de Esperanto en la sekvantaj lokoj: Komerca Ateneo de Lisbono; Asocio de Komizoj; Libera Universitato; Akademio de Liberaj Studoj; Lisbona Esp. Societo; Lisbona Esp. Grupo; Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj. Aperis artikoloj pri UEA, verkitaj de nia tiea Del., en la gazeto „Jornal do Comercio e dos Colonias". Tiu gazeto nun ĉiutage aperigas Esp. rubrikon, kiu estas la oficiala fako de la komitato „Por Esperanto en la komerco". „Lisbona Societo" daŭrigas bonan aktivan propagandon. Fondiĝis en Lisbono, sub la prezido de D-ro Costa e Almeida, portugala Lingvokomitatano, la „Lingva Subkomitato", kiu funkcios sub la aŭspicioj de „Lingva Komitato". Ĝia ĉefa celo estas: organizado de ekzamenoj kaj diplomoj kaj juĝado de la Esp. verkoj aperintaj en la lando.

## Svedujo.

*Eskiltuna*: Oni decidis aranĝi novan kurson por komencantoj. — *Gävle*: La estraro de la klubo per 1917 konsistos el: Schemelius, prez.; F-ino G. Lund, vicprez.; A. Orn, 1a sekr.; A. Liljethask, 2a sekr.; F-ino Eriksson, G. Ohlander, W. Wahlund. Nova kurso estas komencita sub la gvidado de S-ro Ohlander. — *Kunsgarden*: Nova kurso estos aranĝata; gvidanto estos S-ro Magnusson. — *Stockholm*: Ĉe la jarkunveno de la societo Esperanto, la estraro estis reelektita. Oni diskutis la solenigon de la 30-jara datreveno de Esp. Multe da gazetoj enhavis favorajn notojn pri la nova (6a) eldono de la lernolibro de Paul Nylén.

## Svisujo.

*Genève*: La grupo „Stelo" aranĝis sukcesan vesperfeston; S-ro Hodler rakontadis pri la unuaj jaroj de sia Esp. agado. Sekvis deklamaĵoj kaj komedieto. — *Lyss*: Ĉe la jara ĉefkunveno de la grupo, la estraro estas elektita jene: Prez. S-ro E. E. Scheurer, Del.; vicprez. S-ino M. Wild; sekr. F-ino Kl. Billeter; kas. S-ro Fr. Müller. Kurso baldaŭ finiĝos.

## Argentino.

*Pergamino*: La honora prez. de la „Verda Stelo", S-ro L. Kelety, oferdonis en la Ŝtata terkultura Instituto sukcesplenan kampan festeton al la grupanoj kaj al la ĵurnalistaro. Nia movado daŭrigas progresi.

## Brazilujo.

*Fortaleza* (Ceará): Klubo fondiĝis laŭ la iniciato de S-ro D-ro Baena; estis malfermitaj du kursoj direktitaj de S-roj Caminha kaj Rocha. — *Pinheiros* (Maranhao): F-ino E. Maramaldo malfermis kurson. — *Recife* (Pernambuco): Favoraj artikoloj aperis en la lokaj gazetoj sekve de vizito de S-ro D-ro Baena. — *Rio de Janeiro*: S-ro Venancio da Silva malfermis kurson kun 40 lernantoj. La plej grava Brazila ĵurnalo „Jornal do Commercio" publikigis longan intervjuon kun S-ro Couto Fernandes, prez. de la Brazila Esp. Ligo. Tiu ĵurnalo malfermis Esp. rubrikon redaktatan de S-ro Area Mourinho. S-ro Couto Fernandes malfermis superan kurson.

## Usono.

*Anaconda* (Mont.): S-ro C. R. Wraith aranĝis kurson. — *Berkeley* (Cal.): Oni kondukas du kursojn ĉiusemajne, gvidatajn de S-roj Daingerfield kaj D. M. Lynds. — *Chicago* (Ill.): S-ro Harris faris paroladon antaŭ la Kolegia Klubo kaj ree malfermis du kursojn. — *Detroit* (Mich.): La Pola Esp. Klubo havas nun 42 membrojn, kaj ĉiusemajne gvidas kursojn. — *New York*: Du kursoj okazas ĉe la Brooklyn Central Y. M. C. A. Du kursoj estas en Manhattan, kaj alia ĉe F-ino Cora L. Butler, en Richmond. — *Philadelphia* (Pen.): S-roj Arnold Vogel kaj J. Fred. Knowlan gvidas du kursojn, unu por komencantoj kaj alia por spertuloj. — *Portland* (Or.): S-ro J. Homer Clark gvidas kurson. — *San Francisco* (Cal.): S-ro D-ro H. W. Yemans faris paroladon ĉe la „Women's Press Club".

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj komerco.** — Dum la granda ĉiujara foiro okazonta en *Lyon* la 18—31 marto, la Esperanto-Oficejo gvidata de S-ino Farges, starigis ĉe la Foiro, en la fako de gazetaro, 1, Quai de Retz, specialan Esperanto-Oficejon, kiu estos vizitebla dum la tuta daŭro de la foiro. Ĝi enhavas multajn dokumentojn pri la utileco de Esperanto en la komerco, turismo, internaciaj rilatoj. UEA estas reprezentata per grafikoj, eldonaĵoj kaj geografia karto. La komercistoj de la kunligitaj nacioj kaj de la neŭtralaj landoj estas petataj, sendi siajn Esperantajn katalogojn kaj prezarojn al: Esperanto-Oficejo, S-ino Farges, 36, rue Victor Hugo, Lyon.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Esperanto dum la milito.** — Sub tiu ĉi titolo la C. O. de UEA aperigas broŝuron, kiu enhavas raporton pri la lastjara agado de UEA kaj priskribojn alsenditajn de la diversaj naciaj Esperantistaj societoj pri la stato de nia movado dum la milito. Tiu dokumentaro bone kaj koncize montras, kiamaniere Esperanto eltenis je la militcirkonstancoj en la diversaj landoj, militantaj kaj neŭtralaj, kaj per faktoj vidigas la penadon de niaj ĉiunaciaj samideanoj por konservi la akiritajn rezultatojn kaj adapti la Esperantan agadon je la militkondiĉoj. Tiu broŝuro estos sendata — anstataŭ la Jarlibro — al ĉiuj membroj de UEA pagintaj la kotizaĵon por 1917, kune kun la membrokarto aŭ membrokarta banderolo.

**Al niaj Delegitoj.** — Ni petas ĉiujn Delegitojn, ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ zorgi pri la repagigo de la kotizaĵoj por la nuna jaro.

Kiel kutime la kotizaĵo estas: 2. 50 Fr. por membroj, 5 Fr. por Subtenantoj, el kiuj la Del. sendas al la centra kaso de UEA resp. 2 Fr. kaj 4. 50 Fr., *svisa valoro*.

Delegitoj mobilizitaj estas petataj elekti dummilitan anstataŭanton kaj informi la C. O. pri lia nomo kaj adreso. Ili zorgu, ke la informpetoj estu transdonataj al la anstataŭanto por respondo.

Kie tio estas nun ebla, la aranĝo de regiona kunveno de la membroj de UEA konforme al § 24—25 de la Statuto estas rekomendata. Oni bonvolu ĉiam sendi al la C. O. koncizan protokolon pri tiaj kunvenoj.

La Delegitoj estas tre petataj komuniki al la C. O. de UEA ĉiujn interesajn informojn pri ekzemploj de servoj faritaj dum la milito per Esperanto. Oni deziras nur verajn kaj kontrolitajn faktojn.

Ĵus aperis nova eldono de la *kvitancaro*. Ĉiu kvitanclibreto enhavas dudek eltranĉeblajn kvitancojn numeritajn, kaj administrajn instrukciojn por Delegitoj. La Delegitoj, kiuj bezonas novan kvitancaron, estas petataj skribi al la C. O.

**Propagando ĉe internigitoj.** — Interkonsente kun la fako por internigitoj, starigita de la Kristana Unio, kies sidejo estas Ĝenevo, la C. O. de UEA sendigis, pere de tiu ĉi institucio, Esperantajn propagandilojn kaj lernolibrojn al la bibliotekoj de la svisaj lokoj, kie estas internigitoj — belgaj, britaj, francaj kaj germanaj.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 375 |
| 4. F-ino Josefine Finholdt, Kristiania | 125 |
| Frankoj | 500 |

Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

La Financa Fakestro: *Ed. Stettler.*

**Subtenantaj membroj.** — Ni ĉi-sube publikigas la unuan liston de la personoj, kiuj por helpado al nia Asocio bonvolis pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj. Al ili ni esprimas nian koran dankadon:

*Unua listo:*

1. Ed. Schauenberg (Winterthur). — 2. J. L. Roseboom (Rochester). — 3. A. Pafomov (Serpuĥov). — 4. S-ino Miĥalavska (Vitebsk). — 5. V. Grigoroviĉ (Vitebsk). — 6. K. Urbanoviĉ (Vitebsk). — 7. G. Tiĉino (Vitebsk). — 8. A. Barrington (Benalla, Aŭstralio). — 9. de Casteljau (Avignon). — 10. H. Greff (Elbing). — 11. W. D. Wheeler (Fairbanks, Alaska). — 12. E. Wilson (Grand' Mère, Canada). — 13. F. G. Cottrell (Washington). — 14. E. Garcia (Madrid). — 15. J. L. Bruijn (Hago). — 16. B. Escayol (La Plata). — 17. F. Drudin (Lyon). — 18. J. Menschick (Regensburg). — 19. F-ino G. Randolph (Niagara Falls). — 20. V. Smith (Cromer). — 21. E. Kerr (Towson, Usono). — 22. A. Klimovskij (Zolotonaia). — 23. B. E. Long (Harrow). — 24. J. H. Wright (Manchester). — 25. W. W. Padfield (Bath). — 26. M. Pearson (Sheffield). — 27. A. D. Peck (Croydon). — 28. W. J. Pratt (Grange over Sands). — 29. O. Morgari (Roma). — 30. N. Spengler (Vladivostok). — 31. A. Simov (Moskvo). — 32. S-ino O. Gabrik (Moskvo). — 33. M. Semenov (Moskvo). — 34. S. Reŝko (Moskvo). — 35. T. Golev (Moskvo). — 36. S-ino Z. Reinstein (Moskvo). — 37. E. Guerra (Mexico). — 38. J. Silbernik (New York). — 39. S-ino N. Pulsifer (New York). — 40. P. Blöndal (Hvammstanga, Islando).

**Kotizaĵoj por 1917.** — Je la 31 januaro estis enkasigitaj 712 kotizaĵoj (el kiuj 29 subtenantoj). Krom tio estas 154 dumvivaj membroj. Sume: 866. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 28.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1001 | 2459 |

*Tuta sumo:* 3460. (Antaŭa monato: 2070.)

### Novaj Delegitoj.

*Las Palmas* (Hispanujo, Gran Canaria). — VD.: S-ro Serafin Rodriguez, 23, Reyes Catolicas.

*Mexico D. F.* (Meksikujo). — D.: S-ro Ernesto E. Guerra, poŝtestro.

*Stroud* (Anglujo, Gloucestersh.). — D.: S-ro Albert Boyce, 21, Lansdown.

*Valldemosa* (Hispanujo, Baleares). — D.: S-ro D-ro José Gimenez, 5, Senré.

*Zevenaar* (Nederlando, Gelderland). — D.: S-ro Antoon Ouwehand, poŝtisto.

*Zutphen* (Nederlando, Gelderland). — D.: S-ro Jan de Lang, 88, Buitensingel.

### Rimarkoj.

*Eastbourne* (Anglujo). — Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al lia anstataŭanto S-ro V. V. Sumfield, presisto, 85, Victoria Drive.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Leisnig* (Germanujo); *Olot* (Hispanujo); *Vladivostok* (Siberio).

# Voĉoj el la militkaptitejoj

Kiel ni anoncis en la decembra N-ro de „*Esperanto*", la C. O. de UEA sendis al la Esperantistaj militkaptitoj de ĝi konataj, kristnaskan pakaĵeton kun ĉokolado, konservaĵoj, tabako, aŭ Esperantaj libroj. Ni sciiĝas, ke preskaŭ ĉiuj pakaĵoj bone alvenis kaj estis ĝoje akceptitaj de niaj samideanoj. Jen ekstraktoj de kelkaj respondoj ricevitaj sekve de tiu ekspedado:

De S-ro Louis Aragon, kaptitejo Ingolstadt:

„... Mi petas vin, transdoni miajn sentojn de dankemo al la Asocio, kaj mi aldonas miajn sincerajn dezirojn por la Nova Jaro."

De S-ro B. Böning, en Le Havre:

„... Ricevi pakaĵon de la C. O. de UEA mi vere ne atendis; tial la ĝojo pri la senditaj objektoj estis duobla. Mian koran dankon."

De S-ro A. Brühe, kaptitejo Handforth:

„... La sendo de bongusta ĉokolado pruvas ankaŭ al miaj kamaradoj, ke Esperanto ne nur havas valoron idealan, spiritan, sed ankaŭ praktikan, korpan. Al mi pruvis la du sendaĵoj, ke la junaj Esperantianoj ne estas forgesataj de UEA."

De S-ro D. Cossaro, kaptitejo Gollersdorf:

„... ravita de via afableco, mi kore dankas por via sendaĵo.

De S-ro H. Cotelle, kaptitejo Hameln:

„... Mi petas vin, kredi al mia sincera dankemo kaj fideleco al nia kara UEA.

De S-ro R. Jurig, kaptitejo Chartres:

„... Vi faris al mi grandan plezuron, kiu restos al mi neforgesebla, kaj mi petas vin akcepti mian plej koran dankon."

De S-ro Levoy, kaptitejo Alten-Grabow:

„... Mi dankas senfine al la Asocio por la montro de simpatio al la samideanoj en ekzilo, kaj mi esprimas miajn plej bonajn dezirojn al ĉiujn, esperante, ke tiu jaro vidos la finon de tiu terurega milito."

De S-ro E. Lhuissier, kaptitejo Ingolstadt:

„... Mi dankas al UEA por tiu pruvo de simpatio."

De S-ro Nevejans, belga komandanto, internigito en Champéry (Svislando):

„... Mi estas tre dankema al vi por la delikata atento, kun kiu vi afable sendis al mi la volumon „For la batalilojn", kiu multe interesas min. Mi do senlime dankas vin por via bela donaco."

De S-ro Th. Penisson, kaptitejo Merseburg:

„... Senutile vin certigi, ke tio faris al mi plezuron, sed ĉefe pro la helpo, kiun la Esperantistoj reciproke oferas."

De S-ro H. A. Petit, kaptitejo Cassel:

„... Mi dankas vin tutkore."

De S-ro G. Pourchelle, kaptitejo Heilsberg:

„... Tre tuŝis min via montro de simpatio flanke de UEA; mi dankas ankoraŭfoje, prezentante al vi miajn plej bonajn dezirojn por la Nova Jaro. Ni esperu ĉiuj, ke baldaŭ la paco nin reunuigos kun la niaj. Tiam ni, pacifistoj de koro, reprenos la batalon kontraŭ reveno de simila malbono."

De S-ro P. E. Prenois, kaptitejo Minden:

„... Oh, kiel estas agrable, en la furioza turmento nuntempa, ĉe kiu mi estas nur pasiva rigardanto, havi en trankvila lando, kie la milito ne kaŭzis timigajn detruojn, amikojn, kiuj pensas al mi. Estas evidenta pruvo de la frateco, kiu unuigas la Esperantistojn de ĉiuj landoj. Tre emociita per tiu esprimo de amikemo mi sendas al vi per tiu-ĉi miajn varmajn dankojn kaj miajn plej bonajn deziroj por la Nova Jaro."

De S-ro F. Raffin, kaptitejo Landshut i. B.:

„... Mi ricevis vian sendaĵon kaj dankas vin sincere por la pruvo de via simpatio."

De S-ro E. Szikszay, kaptitejo Fort de Lanveoc:

„... Dankante vin por via afableco, mi petas vin akcepti la esprimon de mia dankemo."

De S-ro J. Szuchot, kaptitejo Ile de Sieck:

„... Mi ricevis vian ŝatatan sendaĵon kaj kore dankas al la donacintoj."

De S-ro A. Ŝilov, kaptitejo Deutsch-Gabel:

„... Mi rapidas esprimi mian profundan dankon."

De S-ro P. Tauche, kaptitejo Stobs:

„... Vi faris al mi pli grandan plezuron, ol iu el miaj parencoj aŭ konatuloj ĝin povus fari. Mi vidas el tio, kvankam mi ne estas konata al vi persone, ke ligas nin komuna afero; ni esperu, ke post la milito ni povas servi senripoze al nia ideo."

De S-ro V. Timofjev, kaptitejo Komaron:

„... Mi vidas en tiu poŝta prokrasto la manon de la Esperanto-Spirito, ĉar dank' al ĝi mi ricevis ĉokoladon, panon kaj tabakon ĝuste por Kristnasko, kio igas vian donacon centoble pli kara al mi."

De S-ro E. Zuber, kaptitejo Chemnitz:

„... Treege tuŝis min via delikata atento."

S-ro F. Zwickl, kaptitejo Ile de Sieck:

„... Via aminda sendaĵo alvenis kaj faris al mi grandan plezuron. Estas tre agrable konstati, ke ekzistas ankoraŭ homoj ne blindiĝintaj pro malamo, kiuj kompate atentas pri la suferoj de la malfeliĉa homaro."

# Esperanto ĉe la blinduloj

Blinda! Tiu vorto elvokas ĉe ni viduloj kompatan senton. Estante tute dependaj de helpemaj homoj vidantaj, migrante en ĉiama mallumo, la blinduloj havas malfacilan sorton. Tiel, ni imagas al ni, la vivo de la blinduloj estus terura. Kaj tamen, kiel malvera estas tia imago. La blinduloj vivas en aliaj cirkonstancoj ol ni, sed trovas tamen, ke la vivo povas al ili doni multon, pri kio ni ne havas eĉ penseton. La vido estas for, sed la fizika forto de tiu organo translokiĝis al la aliaj; per la perdo de la vido la aliaj sentoj fariĝis pli fortaj.

Kaj ke ili mem povas ion fari sen helpo de aliaj homoj, tion pruvas nia samideano, redaktoro Harald Thilander, kiu, kvankam estante blinda, lama kaj preskaŭ surda, tamen faras laboron, kiun multaj el ni, kiuj havas la vidon, ne povus fari.

Li en sia juneco per malsano perdis la vidon kaj ankaŭ parte la aŭdon, estiĝante samtempe lama; sed per nekredebla energio li venkis ĉiun malhelpon. Komencante tre frue studi la anglan, francan kaj germanan lingvojn, li baldaŭ spertis, ke la tempo uzita por tiu lernado ne valoras la klopodojn. Aperis nia verda stelo, kaj ĝia brilo tiel forte lumigis la homan vivon, ke la blinduloj „vidis" ĝin. S-ro Thilander, tuj komprenante la tre gravan rolon de nia lingvo, lernis ĝin kaj fariĝis entuziasma laboranto inter „sia" popolo por nia afero. Malrapide sed certe venis la progresoj, kaj nun la literaturo blindulesperanta kreskas. La blinduloj havas internacian gazeton, „Esperanta Ligilo", kiu dum la milito ne aperas, kaj kies redaktoro estas S-ro Thilander. Krom tiu, li ankaŭ redaktas tri aŭ kvar aliajn gazetojn de blinduloj, havante tamen tempon por tradukoj, ellaboro de lernolibroj kaj vortaroj. Ĉe mia vizito li rakontas, ke li nun pretigas lernolibron en Esperanto por rusaj blinduloj, kaj la lernolibron en nia lingvo de Zachrisson li tradukas por la blinduloj svedaj. Esperanto-svedan vortaron li ankaŭ transigas por siaj blindaj kunuloj; krom tio ni baldaŭ vidos Esperanto-anglan kaj anglo-Esperantan vortaron laŭ Rhodes presitan per punktliteroj. Sed ne sole pri lingvoj la blinduloj havas intereson. En la venonta jaro aperos lernolibroj en matematiko, algebro, stenografio, k. t. p.; kiel vi vidas, riĉa anima vivo.

— Mi demandas: ĉu ne estas malfacile dum la milito, havi interrilatojn kun la militantaj landoj?

— „Jes, la kunlaborantoj en Rusujo kaj Germanujo ne povas, pro la cenzuro, skribi punkte, tial preskaŭ ĉiu korespondado estas rompita nun." „Tamen", li daŭrigas kun ĝoja rideto, „ni ricevis el Japanujo la unuan korespondaĵon nun dum la milito, kaj ni havis sciigon, ke Esperanto estas laŭvola temo en la blindullernejoj tie."

— „Ĉu nia lingvo ne estas deviga temo en la lernejoj de la blinduloj?", mi daŭrigas.

— „Unu fojon mi legis en rumana gazeto blindula, ke Esperanto estas deviga temo en la svedaj blindlernejoj", li respondas kun humorplena rideto, „sed pri tio mi mem ne scias ion, kvankam konante tre bone ĉiujn lernejojn de blinduloj en nia lando." „Sed ekster Berlino", li daŭrigas, „ĝi estas deviga, laŭ sciigo de vojaĝanta, blinda finno, kiu alvenante tien estis ĉirkaŭigata de kvindeko da blindaj Esperantistoj, inter ili multaj dekjaruloj, kaj ĉiuj tre bone parolis nian lingvon." Dum la interparolado, kiu okazas kun helpo de F-ino Höljer, ĉar S-ro Thilander ĉiam devas uzi sian aŭdilon, kaj nia samideanino plej bone povas aŭdigi sin al li, mi petas ankaŭ ciferojn el la mondo de la blinduloj. F-ino Höljer transdiras mian demandon kaj tuj venas:

— „425 abonantoj de Esperanto-Ligilo — el tiuj eĉ kelkaj en Ĥinujo — dividitaj je tridek landoj, kaj la ĝenerala adresaro aperonta en la venonta jaro enhavos inter 1300—1400 adresoj de blindaj Esperantistoj en la tuta mondo. Germanujo havas la plej grandan nombron, kaj en Svedujo ni havas okdek aŭ cent." Li daŭrigas: „El la blindliteraturo la plej ĉefaj lingvoj estas la angla kaj Esperanto."

Pri tio kaj multaj aliaj aferoj rilate al la blinduloj oni trovas sciigojn, vizitante la ĉiam gajajn gesamideanojn, F-inon Höljer kaj Red. Thilander, kiuj kune laboras en la centra oficejo de la svedaj blinduloj, ĉe Majorsgatan en Stockholm, kaj forirante mi pensas, ke ili, malgraŭ sia blindeco, estas pli feliĉaj ol multaj el ni, kiuj vidas.

*Joĉjo.*

El *„La Espero"*.

# Alvokoj

## Por la Esperantistaj internigitoj

La nove fondita grupo de flandre parolantaj Esperantistaj internigitoj en Harderwijk petas, ke por propaganda celo oni bonvolu sendi cirkulerojn, propagandilojn, librojn, ĵurnalojn. Ĉiu Esperantaĵo estos danke akceptata. Adreso: S-ro Eugène Maesschalk, 3e Batterie de siège, bloc 5, Harderwijk (Nederlando).

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Charles**, el Parizo (Franc.).
**Deschamps**, el Meaux (Franc.).
**Duval**, el Parizo (Franc.).
**Emmery von Lork**, el Gera (German.).
**Haller, P.**, membro N-ro 3557, Del. de UEA en Leisnig (Saksujo) kaj tre fervora propagandisto.
**Hünninger**, el Leipzig (German.).
**Mozer**, membro N-ro 3462, el Cannstatt-Stuttgart (German.).
**Ruehl**, el Parizo (Franc.).
**Semig**, el Zittau (German.).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

Baku (Rusujo). — S-ro Vadimo Stopani, 21, Sadovaja, PM kaj gazetoj.

Baku (Rusujo). — S-ro Demetrio Stopani, 21, Sadovaja, junulo (kun ĉiu pri ĉio, proponu temon).

Beauvais (Francujo, Oise). — S-ro Roger Cordier, 4, rue Charles Caron.

Harderwijk (Nederlando). — S-ro F. La Gravière, belga internigito, B. 17, L, Pl (lernas la rusan lingvon kaj dez. koresp. en Esp. kun rusoj, cele de koresp. en rusa lingvo tuj kiam eble; dez. la samon kun la angla kaj itala lingvoj).

Kandersteg (Svisujo, Bern). — S-ro Léon Corbier, franca internigito, hotelo Kurhaus.

Las Palmas (Afriko, Canarias). — S-ro Serafin Rodriguez, 23, str. Reyes Católicos, PM, Pl, bfl (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

Las Palmas (Afriko, Canarias). — S-ro Roque Suárez, 23, str. Triana, PM, Pl, bfl (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro Rojdenstvenskij, Gonĉarnaja 14, kv. 26, Pl, L.

Moskvo (Rusujo). — F-ino Dagmara Treŭman, Instituto de Esperanto, Lubjanskij pr. 3, Pl.

Moskvo (Rusujo). — S-ro V. Vedrov, Novaja Basmannaja, dom. 28, kv. 13, Pl.

Moskvo (Rusujo). — S-ro Leo Skazin, Novaja Basmannaja dom. 10—12, kv. 27—28, Pl, bfl (kun vidaĵoj de riveroj, kanaloj kaj urboj).

New York (Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 243, Bedford Park Boulevard, nur L (kun personoj interesataj je psikologio kaj psikaj aferoj).

Orel (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Bolŝkaja Meŝĉanskaja, dom. Larionova, L, P (pri ŝakludo).

Zeist (Nederlando). — La belgaj Esp. internigitoj. Sin turni al S-ro H. De Backer, Barako 15a, Tendaro 2a (prefere kun skandinavaj kaj svisaj samideanoj, sed ili tamen respondos al *ĉiuj* skribaĵoj ricevotaj).

Zeist (Nederlando). — S-ro Gustave Cayman, 5e Règ. ligne, bar. 17, camp 2 (kun anoj de la ruĝa kaj verda krucoj; koresp. flandre, france, angle, germane, hispane kaj Esp.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el al militantaj landoj.

INFORMPETO. — S-ro Creston *C. Coigne*, Membro 3654 deziras informojn pri jenaj personoj, loĝantaj en okupitaj regionoj de Polujo: S-ro *Abram Goldstein*, en Liaĥovec, gubernio Minsk; S-ro *Elia Rashap* kun edzino, loĝanta str. Policajski, domo Grosman, Brest-Litowsk; S-ino *Pessa Ehrlich* kun 4 infanoj en Ĥomsk, gubernio Grodno; S-ro *Jakob Ehrlich* en Brest-Litowsk.

Eventualajn informojn oni sendu al C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

MALAPERINTO. — Oni petas informojn pri Leŭtenanto *W. A. Waymen*, de la „Oxon and Bucks Light Infantery" malaperinta en la regiono de Ouest Pozières la 14 aŭgusto 1916. Utilan informon oni adresu al la C. O. de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève.

MALAPERINTO. — S-ro G. Ziegler, Es-piano N-ro 1841, insiste petas informi lin pere de la C. O. de UEA pri la sorto de lia amiko *Oskar Sickel*, ĉasisto de la bavara reg. inf. reg. N-ro 17, 9a komp. Li malaperis la 1 novembro 1914 apud Wytschack. Oni supozas, ke li vundita militkaptiĝis de la angloj. Eventualajn elspezojn oni repazos.

MIGRANTAJ KARTOJ, 6 por 50 Cts. (0. 20 Sm.), 25 por 1. 25 Fr. (0. 50 Sm.) ĉe E. H. Becker, 332, Third Ave., Daytow, Kentucky, Usono.

SALUTOJN sendas S-ro J. Prat el *Buenos-Aires* (nova adreso: 782, San Juan) al gesamideanoj Pannevin, Sergeant, Baire, Leroy, Hénon, Houvault, Boulok, Haigneré, Deligny, Macke, Tronquez, Benhauer, Leleux, Richez, Waterlot, Fritz, Eschembrenner, Lacquement, Perker, Amades.

MUZIKO ANGLE KAJ ESPERANTE.

| | |
|---|---|
| Vespero kaj Mateno | Tro karaj por esti Perditaj, |
| Fratinoj Disigitaj | Malarmiĝu Nacioj |
| Savigu la Knabojn | Neniaj Floroj por mia Tombo. |
| Paco inter Nacioj, | Savu Usonon de Rumo |
| La Hejm-Loko. | Unuigita Eŭropo, |
| La ŝipo Kristnaska | Se li estus Filo de vi aŭ de mi |
| Kruela Milito, | Celo de la Maiz-Bando. |
| Amerika Preĝo por Paco | |

Ĉiu kanto po 15 centoj, (0. 75 Fr.) afrankite A. E. Beatty, Cardington, Ohio (Usono).

FIRMO C. G. v. d. HEYDEN
**Vapor-ledotanejo :: kaj Ŝufabriko ::**
Fondita en 1850
(Nederlando) **Waalwijk** (Nederlando)
Fabrikas ĉiuspecajn vir-, virin- kaj infanŝuojn
Tute speciala adreso por militŝuoj

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO